# Legu!

PORTO ALEGRE,
Novembro-Decembro/2003
2

## Ili estas 30.000-jaraj!



La plej antikva homa reprezento estas tiu de iu venuso, iu virina figuro kiu reprezentas la fertilecon – grandajn brustojn kaj abundajn koksojn, perfektajn por naski posteulojn. Tiuj malgrandaj figuroj (supre), kun enorma arta graveco kaj kiuj liveras al ni valorajn informojn pri la menso de niaj antaŭuloj, havas 30.000 jarojn da aĝo. (*El la revuo Quo*)

## Konversacia Rondo

ĈIU-LUNDE, 19H
Kunordiganto: Instr. Paulo I. Ereno

## Babilado

EN LA UNUA KAJ LA TRIA SABATO DE LA MONATO
17H
Kunordiganto: Instr. César D. Soares

EN *GEA*
Str. dos Andradas, 1251/101 - Tel. 3228-3198

## Verda Kafo

En la lasta sabato de la monato, 16h,
en la trinkejo-restoracio Tutty's:
Av. Independência, 30
Centro Comercial Independência

http://gxangalo.com

La
novaĵportalo
en
Esperanto

Legu!
1-a jarkolekto – N-ro 2 – Nov.-Dec./2003
Redaktas César Dorneles Soares
Mal. Frota, 278
Porto Alegre, RS, Brazilo – BR-91350-030
tel. (51)3344-2591 - cdsoares@terra.com.br

# El la leterkesto



"La bonan bultenon *Legu!* mi ricevis kaj, kun plezuro, mi ĝin legis. Mi opinias ke vi havis bonegan ideon kiam vi decidis eldoni novan kulturan bultenon. Ĝi tre plaĉis al mi, ĉar ĝi estas tre agrabla legaĵo, bone presita, bone redaktita kaj bone diagramita! Gratulon al vi. Vi estas ĉiam invetema kaj pionirema." (**Alberto Flores/ Volta Redonda-RJ)**

# MiKS-

RECEPTO DE LA SUKCESO – Profesorino de la Universitato de Londonopri pri filmteksto 'deĉifris la genetikan kodon' de la holivudaj filmoj por atingi la sukceson: ili devas enhavi 8% el muziko, 10% el historio, 10% el specialaj efektoj, 12% el amo, sekso kaj am-intrigo, 13% el bono kontraŭ malbono, 17% el komedio kaj 30% el ago.

INTEREZOJ - Laŭ ekonomiisto kaj profesoro Newton Braga da Rosa, de UFRGS, se en julio 1994 iu civitano estus metinta R$100,00 en la ŝpar-konton, li havus hodiaŭ R$3.600,00 . Aliflanke se en tiu sama dato li estus pruntepreninta en la banka sistemo samajn R$100,00, nuntempe li ŝuldus R$165.000!

TRA LA FENESTRO – Instruistino en Maroko forĵetis tra la fenestron de la klasĉambro du infanojn kiuj ne lasis ŝin en paco. La ĉambro troviĝas sur la dua etaĝo de konstruaĵo. Unu el la lernantoj vundis la ŝultron, la alia nenion vundis. La instruistino estos procesata.. Eĉ tiel ŝi informis: "Se iu petolos, tiu flugos." (*ISTOÉ, el* 15/10)

SEN IDENTIGILO – Iu angla avo 58-jara, kun iu granda barbo, ne sukcesis aĉeti artfajraĵojn, ĉar ne eblis al li pruvi, ke li havas pli ol 18 jarojn. La grizharulo Anthony Mathlin provis aĉeti la ellaboraĵojn por ludi kun siaj nepoj, sed estis malpermesita por iu funkciulo de butiko en Hants (Britio), kiu ne akceptis dokumenton sur kiu ne aperis la naskiĝdato de la avo. ( *El la retservilo Terra*, 19/10)

ONI VENDAS – Aŭstralia entrepreno vendas parcelojn en la Luno: la akreo je US$ 40.

3% AL LA ANGLA – 50% de la librotradukoj en la mondo estas faritaj el la angla lingvo dum nur 3%, al la angla. El la 134 mil libroj eldonataj po jaro en Usono, ne pli ol 300 temas pri beletraj tradukoj, de romanoj kaj poezio. "Estas malfacile ne fari konekton inter la nekomprenemo de la usonanoj rilate al tiu kiu okazas en la resto de la mondo kaj tiuj 3%", diris la literatura agento George Borchart citita en la franca taggazeto *Libéracion* en 9/10.

CAMPIONOJ PRI KORUPTECO – Laŭ esploro de Internacia Travidebleco en 133 landoj, la plej koruptaj landoj en la mondo estas Bangladeŝo, Niĝerio kaj

Paragvajo. Usono troviĝas en la 18-a loko; Brazilo, en la 54-a loko; Argentino, en la 93-a loko. La malplej koruptaj estas laŭvice Finnlando kaj Islando.

## Kion ili diris

La beleco de la vivo troviĝas en la lukto kontraŭ la malfacilaj situacioj.

**Shirin Ebadi**, gajnintino de la Nobel-Premio 2003 por la Paco pro la defendo de la iranaj virinaj rajtoj

Ni ne venkus eĉ teamon de gravedulinoj.

**Renato Gaúcho,** trejnisto de Fluminense, kiu perdis de Goiás je 6-1.

Ni estas du soldatoj marŝantaj ĉe la ritmo de *Give Peace a Chance.*

**Yoko Ono,** plasta artistino, kiu diras, ke ankoraŭ ŝi sentas la ĉeeston de John Lennon

Aktoroj scias nenion pri politiko.
**Sylvester Stallone,** aktoro, pri la kandidateco de Schwarzenegger al la regado de Kalifornio

Korupteco estas kiel krimo, ĝi ne finiĝas. Oni kontrolas.
**Waldir Pires,** ministro

Estas multe da kisoj surbuŝaj. Ni ne havas tempon por tio.
**Elza Soares,** 74-j., kantistino, edniziĝinta al la aktoro Anderson Lugão, 27-j., pri la ideo adopti filojn.

**Estu membro de GEA!**

## Profilo

**La redaktoro de Legu!, Instr. César Dorneles Soares, inaŭguras ĉi tiun rubrikon de la gazeto.**

**Jaro de esperantistiĝo:** 1980
**Naskiĝurbo:** Alegrete, RS
**Signo:** Leono
**Viv-filozofio:** Pli bonaj tagoj alvenos
**Iu kvalito via:** Organizemo
**Iu malvirto aliula:** Senrespondeco
**Iu manio:** ?
**Iu revo:** Koni la iberan duoninsulon
**Iu espero:** La ŝanĝoj en la mondo rapidiĝu pli kaj pli
**Iu sopiro:** Miaj gepatroj
**Iu neforgesebla tago:** La inaŭguro de la UK en Braziljo
**Iu loko:** Porto Alegre
**Iu libro:** *La Libro de la Spiritoj*
**Iu verkist(in)o:** Luiz Antônio de Assis Brasil
**Iu muzikaĵo:** *Concierto de Aranjuez*
**Iu kantist(in)o:** Mercedes Sosa
**Iu filmo:** Ben-Hur
**Iu kinoartist(in)o:** Audrey Hepburn
**Iu TV-programero:** Sem Censura/TVE
**Iu TV-artist(in)o:** Glória Pires
**Iu politikist(in)o:** Lula
**Iu personeco:** Marina Silva
**Iu hobio:** —
**Iu distraĵo:** Viziti librovendejojn
**Iu sporto:** Naĝado
**Ami estas...** esence.
**Vivi estas...** lerni.
**Esperanto estas...** la Lingvo.

**Atentu!**

**Pro la feritago je la 15/11, "Babilado" okazos escepte je la 1/11 kaj la 22/11.**

LITERATURA RUBRIKO

# Same-Malsame

Sama vizaĝo
Kvankam malsamas la aĝo.

Sama animo
Kvankam malsamas kutimo.

Sama parolo
Kvankam malsamas popolo.

**Carmel Mellia**

HUMURO

# DU BOVINOJ (1)



**Ideala kapitalismo:** Vi havas du bovinojn. Vi vendas unu kaj aĉetas bovon. Ili reproduktiĝas kaj la ekonomio kreskas. Vi vendas la gregon kaj emeritiĝas riĉa.

**Usona kapitalismo:** Vi havas du bovinojn. Vi vendas unu kaj igas la alian produkti lakton kiel kvar bovinoj. Vi surpriziĝas kiam ĝi mortas.

**Franca kapitalismo:** Vi havas du bovinojn. Vi ekstrikas ĉar vi volas tri.

**Kanada kapitalismo:** Vi havas du bovinojn. Vi uzas la modelon de la usona kapitalismo. La bovinoj mortas. Vi akuzas la brazilan protektismon kaj adoptas protektajn rimedojn por havi la tri bovinoj de la franca kapitalismo.

**Japana kapitalismo:** Vi havas du bovinojn. Vi redezajnas ilin por ke ili havu dekonon de la grando de iu normala bovino kaj produktu 20-foje pli da lakto. Post vi kreas desegnaĵetojn pri bovinoj nomataj *Bovinimon* kaj vendas ilin al la tuta mondo.

**Itala kapitalismo:** Vi havas du bovinojn. Unu el ili estas via patrino, la alia estas via bopatrino, *maledetto*!

**Brita kapitalismo:** Vi havas du bovinojn. La du estas frenezaj.

**Svisa kapitalismo:** vi havas 500 bovinojn, sed neniu estas via. Vi pagpostulas por gardi la bovinon de la aliuloj.

**Hispana kapitalismo:** Vi tre fieras pro tio ke vi havas du bovinojn.

**Portugala kapitalismo:** Vi havas du bovinojn. Kaj plendas pro tio ke via grego ne kreskas. ●

(daŭrigota)